# INTERNACIA ĴURNALISTO

JARO IV. SOFIA — BULGARIO
APRILO — JUNIO, 1960, № 2



ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## AL AKTIVA LABORO DE NIAJ MEMBROJ EN LA PROFESIAJ ĴURNALISTAJ ORGANIZAĴOJ

*Nia TEĴA-membraro estas nesufiĉa. Certe estas ankoraŭ centoj da ĵurnalistoj-esperantistoj, kiujn ni ankoraŭ ne sukcesis altiri al nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Tiu grava problemo—eltrovo de ĉiuj flankestarantaj niaj kolegoj, estas nepre diskutenda en nia Ĝenerala fakkunveno dum la tagoj de la 45-a Universala Kongreso en Bruselo ĉijare. Sed ankaŭ tio ne sufiĉas. En la mondo ekzistas aliaj dekoj da miloj profesiaj kaj neprofesiaj ĵurnalistoj neesperantistoj, inter kiuj ni povas kaj devas eklabori celkonscie por konigi al ili Esperanton, por altiri centojn kaj milojn da novaj kolegoj al nia nobla afero.*

*En la ĉefartikolo de la pasinta n-ro de „Internacia ĵurnalisto" ni pritraktis la gravan demandon pri la celkonforma partopreno de speciala delegacio de TEĴA en la Internacia ĵurnalista renkontiĝo dum la aŭtuno de 1960 jaro, kunvokata de la Internacia Komitato por interĵurnalista kunlaborado. Partoprenante en tiu renkontiĝo nia TEĴA plej efike diskonigos Esperanton kaj la celojn de TEĴA inter la reprezentantoj de multaj naciaj ĵurnalistaj unuiĝoj. Nia delegacio interesigos la ĉeestontojn el la tuta mondo ĵurnalistojn pri nia internacia lingvo, montros al ili kiel praktike ĝi s e r v a s al iliaj profesiaj interrilatoj kaj kunlaborado.*

*Krom tiu partopreno de reprezentantoj de TEĴA kaj estonte en alia internaciaj ĵurnalistaj renkontiĝoj, kunvenoj kaj konferencoj, nun ni stariĝas alian gravan taskon de TEĴA kaj de la apartaj niaj membroj nome pri la kontaktoj kaj la kunlaborado kun la internaciaj profesiaj ĵurnalistaj organizaĵon kaj pri la agado de la sekcioj, rondoj kaj apartaj membroj de TEĴA interne en la kadroj de iliaj enlandaj ĵurnalistaj unuiĝoj, societoj, grupoj kaj medioj.*

*La Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio ne devas stari flanke de la ekzistantaj internaciaj ĵurnalistaj organizaĵoj. Male, ni devas havi konstantan kontakton kun la internaciaj unuiĝoj kaj komitatoj sur neŭtrala ŝed profesia bazo, partoprenante en iliaj profesiaj koj kulturaj entreprenoj, helpante iamaniere praktike iliajn reciprokajn ligojn. Per nia agado en tiuj ĵurnalistaj organizaĵoj ni montros al iliaj gvidantoj kaj membroj la gravecon kaj la utilecon de Esperanto, de nia Asocio.*

*Sed tre fruktodona estos la kunlaborado de TEĴA kun la enlandaj, naciaj ĵunalistaj unuiĝoj kaj komitatoj por la sama celo. Nia Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio povas kaj devas fariĝi ponto, interliganta sur profesia bazo ĉiujn ĵurnalistajn organizaĵojn, societojn, grupojn, redakciojn, telegrafagentejojn, radio-kaj televidstaciojn, la apartajn kolegojn en la mondo por plifirmigi iliajn interrilatojn, profesian kaj kulturan kunlaboradon, por defendo de iliaj profesiaj inter soj.*

*Tiucele, la sekcioj, la grupoj kaj la apartaj membroj de TEĴA ne devas esti izolitaj de siaj enlandaj ĵurnalistaj organizaĵoj, societoj kaj redakcioj. Male, ili devas esti unuj el iliaj plej aktivaj membroj, kunlaborantoi kaj agantoj. Ja tio estas ilia profesia devo. Ĉar, laborante vigle interne de siaj enlandaj ĵurnalistaj organizaĵoj, societoj, ili povas—kompreneble ne altrude, sed taktike—proponi al iliaj gvidantoj kaj membroj sian helpon por la plibonigo de ilia profesia kunlaboado kun eksterlandaj ĵurnalistoj, organizaĵoj, redakcioj ktp.*

*Estas ĵurnalistaj societoj, redakcioj, redaktoroj k. a., kiuj deziras kontaktiĝi kaj interrilati kun siaj eksterlandaj grupoj redakcioj, kolegoj por organizi ekz. to n. kunlaboradon, reciprokan gastigadon, ŝanĝi profesian sperton. En tiaj okazoj niaj TEĴA-membroj povas proponi al ili siajn*

## MEMBROJ KAJ AMIKOJ DE TEĴA, VIZITU AMASE LA 45-AN UNIVERSALAN KONGRESON DE ESPERANTO EN BRUSELO!

Ankaŭ ĉijare esperantistoj el la tuta mondo renkontos sin en la bela ĉefurbo de la malgranda Belgio — Bruselo, parteprenonte la 45-an Universalan Kongreson de Esperanto. Ankaŭ ĉijare la tutmonda esperantistaro manifestos la konstantan prosperon de nia Internacia lingvo kaj nobla ideo, la plifirmiĝon de la Universala Esperanto-Asocio. En amika interkonsento, en agrabla atmosfero, ili partoprenos la variajn programerojn de la Kongreso, pridiskutos gravajn problemojn konekse kun la plua disvolviĝo de la Esperanto-movado, prenonte novajn celtrafajn decidojn por novaj sukcesoj kaj venkoj.

Kiel sciate, en la lastaj kelkaj jaroj, dum la Universalaj Esperanto-Kongresoj, feliĉe ankaŭ la membroj de TEĴA renkontiĝis. Tiuj iliaj renkontiĝoj jam fariĝis tradiciaj. Dum la Brusela kongreso, kiel estas anoncite en „Esperanto" de UEA kaj en aliaj esperantistaj gazetoj, okazos la Ĝenerala fakkunveno de la ĵurnalistoj-esperantistoj el diversaj partoj de la mondo.

Ni estas certaj, ke ankaŭ en la Brusela Esperanto-Kongreso niaj TEĴA-membroj plezure renkontiĝos kaj kolegie pritraktos la la laboron de TEĴA, la gravajn problemojn de nia afero kaj estonta agado. Ni trankvile povas raporti, ke malgraŭ iuj malfacilaĵoj, la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio viglas, ĝia organo aperas en pli bona formo, la estraro estas ĉiam sur sia posteno.

Ni estas konvinkitaj, ke post la Brusela kongreso, la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio fariĝos pli fortika, pli granda, ke ĝi eklaboros pli rezultodone por efektivigi siajn gravajn taskojn kaj noblajn celojn.

TEĴA-anoj, kolegoj, vizitu nepre kaj amase la 45-an Universalan Esperanto-Kongreson en Bruselo, partoprenu aktive la Ĉeneralan fakkunvenon de TEĴA!

---

*internaciajn ligojn, sperton kaj konkretan helpon. Tiam oni facile komprenos la utilecon de Esperanto.*

*Jen klamaniere, laborante aktive en la internaciaj kaj enlandaj ĵurnalistaj organizajoj kaj medioj, modeste, sen fanfaronado, ni povas diskonigi Esperanton kaj gajni ankoraŭ multajn novajn adeptojn kaj membrojn por TEĴA.*

*Estus bone, se ankaŭ altaj membroj de TEĴA diros sian opinion aŭ rakontos sur la paĝoj de „Internacia ĵurnalisto" sian sperton tiurilate, se oni pridiskutos tiun gravan demandon ankaŭ en la Ĝenerala fakkunveno de TEĴA en Bruselo.* *Iv. Es.*

## JEN VIA PROVIZORA KONGRESA PROGRAMO, GEKOLEGOJ!

La 45-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO oficiale komenciĝos sabaton la 30-an de julio kaj fermiĝos sabaton la 6-an de aŭgusto.

*La kongresaj giĉetoj estos malfermitaj* kaj funkcios jam vendredon la 29-an de julio, je la 8-a h. matene.

**I. Manifestacioj antaŭ la Kongreso**

1. Oficiala Antaŭkongreso en Arnhem (Nederlando). Informadreso: Pontanuslaan, 7, Arnhem.
2. Pedagogia Seminario de S-ro Cseh
3. 16-a Internacia Junularkunveno de T. E. J. O.

**II. Kongresaj laboroj**

1. Kongresaj sekcioj
2. Ĝeneralaj kunvenoj de UEA
3. Fakaj kunvenoj
4. Komitato de UEA
5. Estraro de UEA
6. Akademio de Esperanto

**III. Kulturaj programoj**

1. Belarta Konkurso kaj nomado de la „Aŭtoro de la Jaro"
2. Oratora Konkurso
3. Internacia Somera Universitato

**IV. Festoj**

1. Interkona Vespero
2. Solena Inaŭguro
3. Teatraĵo
4. Filmprezentadoj
5. Kongresa Balo
6. Junula Vespero
7. Ekskursoj
8. Solena Fermo

**V. 30-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj**

**VI. 5-a Internacia Infana Kongreseto**

**VII. Oficiala Postkongreso**

Okazos en Aachen (Germanujo). Informadreso: Karl Marx-Allee, 172, Aachen.

**VIII. Postkongresaj Ekskursoj**

Estas antaŭvidataj plurtaga rondvojaĝo en Belgujo kaj plurtaga ŝipekskurso sur la Rejno.

Pliaj detaloj aperos en la Oficialaj Bultenoj kaj en la Kongresa Libro.

* * *

Alvoko de la redakcio:

„Internacia ĵurnalisto" atendas la aktivan kunlaboradon de la TEĴA-anoj kaj ricevukun dankemo ĉiuspecajn materialojn kaj alis ajn kontribuaĵojn.

***La membroj de TEĴA, kiuj ankoraŭ ne ricevis la senditajn enketfoliojn pri ilia membreco, bonvolu tuj peti perletere la enketilon de la sekretatio-kasisto de nia Asocio—D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5, Cittadella (Padova), Italio.***

# INTERNACIA ĴURNALISTA KRONIKO

## PROEKTO-PROGRAMO DE LA RENKONTIĜO

*En la tria n-ro de la bulteno de le Internacia komitato por interĵurnalista kunlaborado aperis la jena projekto-programo de la Dua universala ĵurnalista renkontiĝo:*

*1. Kiel faciligi la ĵurnalistojn en la plenumo de iliaj profesiaj devoj (vizoj, konferencoj-seminarioj pri profesiaj problemoj, ŝanĝo de sperto, internacia ĵurnalista bileto, kunlaborado inter ĵurnalistaj organizaĵoj k. a.). Kion oni faris post la Unua internacia renkontiĝo en Helsinki — analizo de la plenumo de la akceptitaj rezolucioj kaj proponoj.*

*2. Problemoj de la preso kaj radio en la nedisvolviĝintaj landoj kaj kiel subteni ilin.*

*3. Pri la etiko de la ĵurnalista profesio, rolo de la ĵurnalistoj en la informado de la publika opinio kaj en la disvolviĝo de la internaciaj rilatoj, devenantaj el la Statuto de UNO, pri la etika kodekso de la ĵurnalistoj; libero de la preso, profesia sekreto k. a.*

## REPREZENTANTOJ DE JOĴ VIZITIS LANDOJN EN AZIO

Laŭ invito de la Hinda federacio de la laborulaj ĵurnalistoj, la generala sekretario de JOĴ **Irĵi Meisner** partoprenis la laboron de la VIII kongreso de la hindaj ĵurnalistoj okazinta de 25 ĝis 28 de marto en Panta (ŝtato Biĥar). Veturante Ĥindujon, J. Meisner haltis en Bagdad, kie li pridiskutis kun reprezentantoj de la Asocio de irakaj ĵurnalistoj problemojn rilate la agadon kaj la estontan kunlaboradon de la Asocio post ĝia aliĝo al JOĴ. La generala sekretario ankaŭ vizitis Cejlonon, kie li renkontiĝis kun reprezentantoj de ambaŭ asocioj, membrantaj en JOĴ.

La kongreson de la Asocio de irakaj ĵurnalistoj, okazinta en Bagdad de 7 ĝis 8 de aprilo, partoprenis la prezidanto de JOĴ — Jean-Mauris Herman, kiel ties reprezentanto.

## FILMO PRI ĴURNALISTOJ

La Centra studio por dokumentaj filmoj en Sovet-Unio kreis dokumentan filmon dediĉita al la sindona laboro de ĵurnalistoj.

La scenarion kaj la tekston verkis K. Osminina, la reĝisoro estas N. Solovjova, kameristoj J. Egorov, V. Kopalin kaj M. Prudnikov.

Oni projektis la filmon sur la ekranoj en Sovet-Unio la 5-an de majo — la Festtago de la soveta gazetaro.

## INTERNACIAJ ĴURNALISTAJ PREMIOJ

Speciala komisiono de JOĴ (Internacia organizaĵo de ĵurnalistoj—Praha) disdonis internaciajn ĵurnalistajn premiojn por 1959 al la eminenta alĝeria ĵurnalisto **Anri Aleg,** al la elstara hungara ĵurnalisto **Arpad Sakaŝiĉ** — prezidanto de la Asocio de la hungaraj ĵurnalistoj, kaj al **Ksuan Taŭ** — presidanto de la Asocio de la vietnamaj ĵurnalistoj.

## GAZETNOVAĴOJ EL JUGOSLAVIO

Antaŭ nelonge en Jugoslavio okazis la regula sesio de la Asocio de la gazetaj entreprenoj. Estis elektita nova estraro de la Asocio, kies prezidanto estos la respondecredaktoro de la belgrada gazeto „Politika" — Danilo Puriĉ.

La sesio aprobis la novan statuton. Ĉiuj enterprenoj, kluj eldonas gazetojn kaj revuojn estas devigataj membri en la Asocio.

La parolintoj dum la sesio substrekis la necesecon pliigi la nacian produktaĵon de gazetpapero.

## ANTAŬ LA INTERNACIA ĴURNALISTA RENKONTIĜO

La Internacia komitato por kunlaborado de ĵurnalistoj, organizanta Duan internacian ĵurnalistan renkontiĝon, komencis la eldonado de speciala bulteno, dediĉita al la preparo de tiu ĉi renkontiĝo.

Kiel publikigite en la bulteno, la Dua internacia renkontiĝo okazos dum la duono de oktobro en **Baden,** apud la aŭstria ĉefurbo Vieno.

Respondante al la alvoko de la Internacia komitato por arangô de la renkontiĝo, aliĝis novaj ĵurnalistaj organizaĵoj, ekzemple la Sindikato de redaktoroj de la libera gazetaro, la Asocio de ĵurnalistoj en la urbo Potos, en Bolivio kaj aliaj ĵurnalistaj unuiĝoj kaj apartaj redaktoroj.

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

Ivan Ŝivarov, str. Mali Bogdan 8, **Plovdiv,** Bulgario.

Aleksy Lasinski, Pola Radio, **Wroclaw,** Pollando.

Frederiko Pietrzyk, Pszczynska 9, **Zory k Rybnika,** Pollando.

Luis Hernandez, Recaredo n-ro 22-1, **Valencia,** Hispanio.

Krâsto Ĵivkov, redaktoro de „Harodna tribuna", **Lom,** Bulgario.

Henk Valkenier, Akker 179, **De Bilt,** Nederlando.

Alois Zednik, Modrani 1482, **Praha,** Ĉeĥoslovakio.

Oskar Svantesson, Skonertagatan 1, **Göterborg V,** Svedio.

## „INTERPRESFOTO — 1960 JARO"

De 2 ĝis 4 de aprilo en Berlino — Germana Demokrata Respubliko, okazis Internacia konferenco de fotoĵurnalistoj, organizita de JOĴ.

La konferencon partoprenis fotoĵurnalistoj el pli ol 45 landoj. La ĉefredaktoro de la gazeto „Zontag"—Bernt fon Kjugelgen, faris raporton pri la signifô kaj la taskoj de la nuntempa fotopublicistiko. Li substrekis la gravecon de la problemoj starigitaj antaŭ la konferenco, kunligitaj kun la interesoj kaj profesiaj bezonoj de la fotoĵurnalistoj mem.

„La fotoĵurnalistoj vere povas kontribui kaj kontribuas per ilia nobla agado por la malpliigo de la streĉeco en la internaciaj rilatoj kaj por la monda paco" — li dsris.

La raportinto detale pritraktis la diversajn specojn de foto bildoj kaj la diversajn ĝenrojn de la fotopublicistiko. Li ankaŭ tuŝis la problemon de la profesia majstreco kaj la propedeŭtiko de la fotoĵurnalistoj.

La diskutojn partoprenis 25 delegitoj.

Grava evento por la delegitoj kaj por la tutmonda ĵurnalismo estis la inaŭguro de la internacia fotoekspozicio **„Interpresfoto — 1960 jaro"**

Por tiu unika ekspozicio estis senditaj 2,668 fototabuloj kaj plakatoj de 727 fotoĵurnalistoj el 33 landoj. La speciala internacia komisiono elektis por la ekspozicio 433 bildojn kun diversaj temoj.

Post la konferenco estis disdonitaj en solena atmosfero la premioj de la ekspozicio. La fotografisto **Rudi Hese (GDR)** ricevis la internacian premion de 300 dolaroj por sia fotograĵo „Paco kaj amikeco inter ĉiuj popoloj": Orajn medalojn ricevis **Ken Domon** (Japanio) por la fotografaĵo „Viktimoj de Hiroŝima" kaj **Anatolij Garanin** (Sovet-Unio)— por „N. S. Ĥruŝĉov en Pitsburg— Usono", **Dolf Krjuger** (Nederlando)— por „Strikantoj kaj polico".

Estis disdonitaj ankaŭ 5 argentaj kaj 10 bronzaj medaloj kaj 3 eksterordinaraj premioj.

## POR DISVOLVIĜO DE LA NACIAJ RIMEDOJ DE INFORMADO EN LA LANDOJ DE SUD-ORIENTA AZIO

Antaŭ nelonge en Bangkok — ĉefurbo de Tajlando, okazis konferenco de reprezentantoj de landoj el Sud-orienta Azio, organizita de UNESKO, celanta prilabori programon por disvolviĝo de la informaj rimedoj en tiu regiono de la terglobo.

La konferencon partoprenis ankaŭ reprezentantoj de ŝtatoj membrantaj en la Ekonomia komisiono de UNO por la landoj en Azio kaj Malproksima Oriento, kaj ankaŭ specialistoj pri diversaj problemoj.

Tiun gravan konferencon ne partoprenis la Ĉina popola respubliko, la popolaj respublikoj Koreo, Vietnamio kaj Mongolio, same kiel iuj naciaj kaj internaciaj ĵurnalistaj organizajoj — ekzemple Hinda federacio de laborulaj ĵurnalistoj, Internacia organizaĵo de ĵurnalistoj, Iniernacia federacio de ĵurnalistoj k. t. p.

La okazinta konferenco substrekis en siaj decidoj la ekstreman regreson de la landoj el Sud-orienta Azio en disvolviĝo de la rimedoj por informado.

En la raporto oni notis, ke al ĉiuj 100 loĝantoj, meze, apartenas ne pli ol 5 ekzempleroj de ĉiutagaj gazetoj kaj al ĉiuj 1,000 loĝantoj en iuj landoj apartenas ne pli ol 0,9 radioaparatoj.

La konferenco ankaŭ notis ke la rimedo por kunligado en tiu rajono de la terglobo estas tute nesufiĉaj kaj substrekis la necesecon krei naciajn rimedojn por informado, disvolvi en ĉiuj ĉi landoj tiujn ĉi informajn rimedojn per la helpo de la gazetaro, per filmoj, radio, televidaj programoj ktp.

La konferenco rekomendis formadon de fonduso por subteno de tiu programo de UNESKO.

## *ESTRARO DE T. E. J. A.*

*Prezidanto — Olav Thormodsen, Box 132* ***Haugesund,*** *Norvegio.*

*Vicprezidanto — Niilo Kavenius. Niklaksenkatu 10/14,* ***Turku*** *9, Norvegio.*

*Sekretario-kasisto — D-ro Dino Fabris, Borgo Bassano 5.* ***Cittadella*** *(Padova), Italio.*

*Redaktoro — Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hristo Botev 98* ***Sofia*** *2, Bulgario.*

*Membroj: Takaĉ Zeljko, Boŝkoviĉeva 24,* ***Zagreb,*** *Jugoslavio, kaj Jerzy Grum, Matejki 16/8,* ***Wroclav,*** *Pollando.*

## KOMITATANOJ DE TEĴA

Danlando — G. N. Jepsen, Skovvangen 17, **Silkeborg.**

Sovet-Unio — N. F. Danovskij, Frunzenskij val 2, kv 12, **Moskva** G-270.

Rumanio — Ştefan Fremât, str. Gabriel Peri 4, **Bucureşti.**

Vietnamio — Dào-anh kha, Nô Quôctê-nou Bv Viêt-nam, **Hanoi** (via USSR).

Ĉinio — Shi Si-wei, ĵurnalisfa fako, Pekina Universitato, **Peking.**

## LANDAJ REPREZENTANTOJ DE TEĴA

Hungario — Marton Lajos, Esperanto Burs-utca 2, **Budapest XII.**

Izraelo — Oskar Berman, 6 Shilustrato, **Tel Aviv**

Svedio — Karen Salmose, Stallgatan 1, **Ysted.**

*Redaktoro — Ivan Keremidĉiev-Esperov, bulv. Hr. Botev 98, Sofia 2, tel. 3-34-04, Bulgario*